Tria jaro. — N° 12 Julio-Aŭgusto 1913.

# FERVOJA ESPERANTISTO

MONATA GAZETO

Organo de Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono : $ 1.<br>Unu N° : $ 0,2<br>Anoncoj : 1 paĝo : $ 5 ;<br>1/2 paĝo : $ 3 ;<br>1/4 paĝo : $ 2. | REDAKCIO<br>**S-roj Berlande kaj G. Chilot**<br>Administrantaj Redaktoroj<br>Sekretario : **S-ro Alfred Petzold**<br>Königstrasse, 4 III, Leipzig<br>(Germanujo)<br>Prezidanto : **S-ro P. Tarnow**<br>Perlebergerstr. 9 I, Berlin-Potsdam. | Ĉiujn manuskriptojn, abonmendojn, anoncojn, k.t.p., adresu al S-ro Berlande aŭ al S-ro George Chilot, ambaŭ en *Villeneuve-St-Georges (Francujo)*.<br>La redakcio rezervas al si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn. — Artikolojn ne akceptitajn oni ne povas resendi. |

## *NOVA ABONANTO*

Ludoviko Jakab, ĉefkontrolisto ĉe la Sudfervojo en Budapest (Direkcio R.) I, Böszörményi-ut, 2. II. 6 (Hongrie).

Ni ricevis sekvantan leteron de S-ro Siho, C/o Mr. Tsang, at Standard Co, Shamen, Canton (Ĥinujo) : « Mi sendas al vi unu respondkuponon kaj petas ke vi bonvolu sendi al mi la statuton, regularon, informojn kaj propagandaĵon de I. A. E. F.

Ni sendis la sciigojn necesajn kaj fortege insistis por ke S-ro Siho aliĝu al I. A. E. F. kaj abonu « F. E. ».



## Kunveno por fervojistoj ĉe la Berna Kongreso.

Nun la kongresa kunveno firme okazos *Vendredon 29-an de Aŭgusto,* je la 8-a horo kaj duono matene, en la Universitato; ĉiuj fervojistoj povas ĝin ĉeesti.

TAGORDO

Raportoj pri I. A. E. F. kaj F. E.

Proponoj kaj deziroj diskutotaj ĉe la Pariza kongreso en 1914-a.

Propagando kaj monrimedoj por la sukceso de I. A. E. F

La Societa Komitato estante elektita por la daŭro de du jaroj, nenia baloto estas necesa.

La ĉeestantaro elektos provizoran komitaton por direkti la Kunvenon, nome unu prezidanton, unu vicprezidanton, kaj unu sekretarion, kiu faros la protokolon de la Kunveno.

Por sciigoj oni turnu sin al nia agema kolego Johano Perriard. direction de Chem. de fer fédéraux, à Berne.

## EDZIĜO

S-ro Petzold, la agema kaj senlaca sekretario de nia kara Asocio, edziĝis la 29-an de Julio. Niajn plej bonajn dezirojn pri feliĉeco kaj saneco ni sendas al li.

## FERVOJISTAJ VOJAĜOJ

Pasintan monaton Majo ses Holandaj fervojistoj faris vojaĝon al Hamburg kaj Kopenhagen kaj uzis la servojn de U. E. A. De post Bremen la societo estis kompleta, kaj en Hamburg la delegito S-ro Hoffmeister, S-roj Krüger kaj Vohner (el Parizo) estis niaj gvidantoj tra stacidomo, urbo, Hagenbeck-bestparko, havenoj, k. t. p. k. t. p.

Sekvintan tagon oni daŭrigis la vojaĝon tra Kiel, Korsör al Kopenhago. Sur la boato oni tuj sentis la lingvan diferencon ŝanĝante Germanan en Danan monon, ĉar neniu el ni scipovis Danan lingvon. Feliĉe la sipestro parolis Germane.

En Kopenhagen delegitino Höst kaj kelkaj aliaj estis niaj gvidantoj, kaj ni ĝuis de l' bela urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, kvankam la Dana lingvo estas por ni tute nekomprenebla. S-ro Hinrichsen, fervojisto en Hellerup, kondukis nin al Klampenborg kaj ĉirkaŭaĵoj, kaj ni povis ankaŭ viziti signal-dometon en Hellerup. Ni rimarkis i. a. ke la telegrafo tie estis iom antikva ĉar oni uzis ankoraŭ la reliefskribantan, ankaŭ la block-sistemo estis iom malnova. Sur unu linio ni vidis, ke la reloj estis vertikale trafenditaj, kaj ambaŭ partoj intersi je unu metro forŝovitaj por



eviti la baton kiam veturiloj transiras de unu relo sur alia, tre verŝajne ankaŭ kontraŭ la « forrampado ».

Tre plaĉis al ni la sistemo de l' Hamburga kaj Kopenhaga ĉefstacioj. Ili estas konstruitaj super la relvojoj kiel viaduktoj, la pasaĝeroj neniam bezonas transiri la relvojojn, ĉar de el la halo oni tuj prenas la deziritan peronon per ŝtuparoj aŭ liftoj kaj en okazo de vagonŝanĝo de pasaĝeroj oni lokigas la vagonarojn transverse de la sama perono k. t. p.

Ni ĝuis de nia bela vojaĝo kiel privatuloj, tamen ni tuj rimarkis tiajn fervojajn instalaĵojn.

Bal, Breda (Holando).

S-ro Lamy el Chaulnes, Francujo, vojaĝis Holandujon, li ne scias unu vorton de la Holanda lingvo, tamen akceptita de tri holandaj kolegoj, S-roj Lindsen, Tinga, li revenis ĉarmita de la bona akcepto de niaj samsocietanoj.

Li faris raporton pri tiu vojaĝo ; tiu raporton ni presigos en venonta gazeto.

## Traduko de la Berna Internacia Kontrakto (Konvencio)

Nous commençons la traduction en Esperanto de la Convention internationale de Berne. La Convention intéressera certainement les administrations et les employés de Chemins de fer.

Nun wollen wir mit der Uebersetzung des internationalen Berner Uebereinkommens in Esperanto beginnen. Die Uebersetzung wird sicherlich für alle Eisenbahnbehörden und alle Eisenbahnbeamten von Interesse sein.

Now let us begin with the translation in Esperanto of the convention international of Bern. This translation would be surely of interest for every raillway-managements and all officers of railway.

Nun ni volas komenci la tradukadon de la Berna internacia kontrakto Esperante. La tradukado estos certe interesa por ĉiuj fervojaj administraroj kaj por ĉiuj fervojaj oficistoj.

*S-ro Reuss, supera termezuristo en Regensburg*, faros tiun tradukon, sed ĝi aperos kiel feliotono, iom post iom en nia revuo.

# Internacia kontrakto pri la fervojaj tranportaĵoj de la 14-a de Oktobro 1890-a

kun la ŝanĝoj kaj kompletigaj aldonoj en la interkonsento aldona de la 16-a Julio 1895-a kaj en la kontraktoj aldonaj de la 16-a de Junio 1898-a kaj de la 19-a de Septembro 1906-a

inter Belgujo, Danujo, Germanujo, Francujo, Italujo, Luksemburgo, Nederlando, Aŭstrio, Hungarujo, Rumanujo, Rusujo, Svedujo kaj Svisujo.

Artikolo I-a.

1) La nuna internacia kontrakto estos aplikata rilate al ĉiuj sendaĵoj de ŝarĝoj, kiuj laŭ trairanta ŝarĝatesto el la teritorio de unu el la kontraktantaj ŝtatoj en la teritorion de alia kontraktanta ŝtato estos transportataj sur tiuj fervojaj linioj, kiuj estas nomitaj al ĉi tiu celo en la ĉi kuna tabelo kun la rezervo de la ŝanĝoj kiuj estas destinitaj en la artikolo 58-a.

2) La difinoj, kiuj estas kontraktotaj por la plenumo de la nuna kontrakto de la ŝtatoj kontraktantaj, havos la saman laŭjuran efikon kiel la kontrakto mem.

Artikolo II-a.

La difinoj de la nuna kontrakto ne estos aplikataj rilate al la transporto de jenaj objektoj :

1) de tiuj objektoj, kiuj estas submetitaj al la poŝta devigo ankaŭ nur en unu el la teritorioj asociitaj rilate al la transporto.

2) de tiu objektoj, kiuj ne estas konvenaj por la transporto pro ilia amplekso, ilia pezo aŭ pro ilia cetera kvalito, laŭ la instalaĵo kaj la movilaro de ankaŭ nur unu el la fervojaj administraroj, kiujn la efektivigado de la transporto rilatas.

3) de tiuj objektoj, kies transporto estas malpermesita kaŭze de la publika ordo ankaŭ nur sur unu el la teritorioj interesitaj pri la transporto.

Artikolo III-a.

La plenumaddifinoj nomos tiujn ŝarĝojn, kiuj estas eligitaj el la internacia transporto laŭ ĉi tiu kontrakto aŭ estas allasitaj al ĉi tiu transporto nur kondiĉe pro ili granda valoro, pro ilia aparta kvalito aŭ pro la danĝeroj, kiujn ili kaŭzos pro la ordo kaj la sendanĝereco de la fervoja funkciado.



Artikolo IV-a.

La kondiĉoj de la komunaj tarifoj de la fervojaj unuiĝoj aŭ asocioj kaj la kondiĉoj de la specialaj tarifoj de la fervojaj administraroj valoras, se ĉi tiuj tarifoj estas aplikotaj rilate al la transporto internacia, ĝis tiuj punktoj, en kiuj ili ne kontraŭas ĉi tiun kontrakton ; alie ili estos senvaloraj.

Artikolo V-a.

1) Ĉiu fervoja administraro, nomita laŭ artikolo I-a estas devigita, ke ĝi akceptu la transporton de ŝarĝoj de la internacia interkomunikiĝado laŭ la difinoj kaj sub la kondiĉoj de ĉi tiu kontrakto, se

*a)* La forsendanto submetas sin al la dispono de ĉi tiu kontrakto ;

*b)* La transporto estos ebla per la normalaj transportiloj ;

*c)* Cirkonstancoj ne malhelpos la transporton, kiuj estos konsiderotaj supera forto.

2) La fervojaj administraroj estos nur devigitaj, ke ili akceptu la sendaĵojn por la transporto, ĝis kien ilia tuja transporto estos efektivigebla. La precipaj difinoj, kiuj koncernas forsendstacion, fiksos, ĉu ĝi estos devigata, ke ĝi konservu provizore la ŝarĝojn, kies tuja transporto ne estos efektivigebla.

3) La transporto de la ŝarĝoj okazos laŭ la vico, kiel ili estas akceptitaj por la transporto, se la fervoja administraro ne povos konstati devigajn kaŭzojn de la fervoja funkciado aŭ la publikan intereson por akcepto.

4) Ĉiu kontraŭago kontraŭ la difinoj de ĉi tiu artikolo motivas la postulon pri kompenso de la malgajno per tio okazinta.

5) La alportado kaj la enŝarĝado de la sendaĵoj akomodas sin al la difinoj laŭleĝaj kaj regulaj, kiuj koncernas la forsendontan fervojan administraron.

Reuss, el Regensburg.

Baldaŭ ni devos presigi apartan numeron por kaj pro la vojaĝoj de niaj kunasocianoj. Nia agema amiko George Chilot, kiu sindonas kun tiom da fervoro al nia afero, ankaŭ vojaĝis. Li iris al Rottenburg am Neckar por konduki sian

filinon ĉe Edukejo «Sankta Klara», celante lernigi al ŝi la germanan lingvon.

Trapasante Stuttgart'on S-ro G. Chilot premis respektege kaj amikege la manojn al S-roj Christaller, prezidanto de la Stutgarta Esperanto Stelo kaj Münzig, prezidanto de la Stutgarta Laborista Grupo.

---

## FINNAJ FERVOJISTOJ

En Granddukejo Finlando ekzistas (laŭ lasta oficiala statistiko de l' jaro 1911) 3776 km. da fervojoj, el kiuj 355 km. privataj fervojoj. Ĉiuj stataj fervojoj havas normalan relinterspacon (1.524 m. = 5 anglaj futoj) kaj el 15 privataj 4 havas normalan, aliaj relinterspacon 0,60 — 0,785 m.

La pliiĝinta fondkapitalo estis tiam iom pli ol 400 milionoj da finnaj markoj (= frankoj).

En la sama jaro sur stataj fervojoj estis transportata 15 milionoj da pasaĝeroj, kiu faras 4,8 vojaĝoj por ĉiu el 3.154.825 loĝanto de l' lando, kaj 4.470.200 tonoj da komercaĵo.

La tuta enspezo de l' ŝtataj fervojoj estis 50.062.542 : 59 aŭ 5,8 milionoj da mk. (13,1 o/o) pli ol en la antaŭa jaro. Pura enspezo estis 13.299.932 : 56 aŭ 3,27 o/o por la pliiĝinta fondkaptalo.

En administra rilato estu dirite, ke finnaj ŝtataj fervojoj havas propran ĉefadministracion, en ĉefurbo de l' lando, Helsinki. La fervojaro estas divitita en 4 distriktoj, kiuj ĉiuj havas administracion, 8 trafikaj sekcioj, 23 vojaj distriktoj k. t. p.

En lasta tempo estas farite kelkaj ŝanĝoj en la konstruaĵo de l' fervojoj. Oni kontruas i. a. novajn komercaĵajn vagonojn, kiuj devas porti 15000 kg. ĉar la rusaj estas iom pli grandaj ol finnaj, kiuj kutime povas porti nur 6000-10000 kg.

Oni eĉ komencas pli severe postuli la sciadon de rusa lingvo de oficistoj.



Ankaŭ en ĉi tiu rilato oni evidente volas iom post iom unuformigi Finlandon kun imperio.

H. Salokannel,
Stacio Kymi (Finnlando).

---

## PRO UNUECO

*Uzu prefere sekvantajn fervojajn terminojn:*

Afrankite, antaŭpago, antaŭa pago (vooruit betaling), antaŭzorgo, agentejo, simpla kaj ir-reir bileto, barilo, bistre, balasta vagonaro, bufro, ĉiustacia vagonaro, ĉaro durada, ĉefa relvojo, depagi, deĵori, dokumento, duoble voja, dungi,-ito, ekspluati, en- kaj elirejo, eniru, en- kaj elveturiĝi, en- kaj elspezo, fina disko aŭ lanterno, foriro, giĉeto, haltejo, haltigilo, haltiga provo, (bremso), jungi, komizo, komercaĵa komizo, kondiĉoj de okupado, kotizo, kolisio, kupeo por fumantoj, klaso, kitelo, konduktoro, kurso mona, kontrola elirejo, krano, kuntara, tara, sentara, librotenado, lampo meĉo, lumigo elektra, malfruigi, morta relvojo, marĝene citata, nepasebla signalilo, oficisto en publika servo, omnibuso, prezaro, pakaĵo, pesi, pesilo,-ilego, pezi, esti peza, perono. bordmarŝejo, pordeto, pagoŝarĝo (remb.), pasaĝero de publika transportrimedo, pensio, pensiulo, plendo, plendlibro, puŝveturilo, piŝto, post-puŝi vagonaron, (1-a 2-a k. t. p.) relvojo, resanigejo, eligi cirkuleron, rondira letero, rond-bileto, registro, enregistrigi, ricevatesto, respond-kupono, senfadena telegrafo, salajro, sonorilo elektra, semaforo, seruro penda, stampi, -ilo, relŝanĝilo, ŝanĝilisto, ŝarĝestro, ŝnurvagono, el- kaj envetura ŝanĝilo, transire, transirejo, transvojo, tra Parizo, tunelo, tratrui bileton, turnponto, takso po 100 kg, taksaro, transportaĵo, turndiskego, unuigo, unio, ligo, unu voja, vagonaristo, pasaĝera vagonaro, voj- kaj rotestro, voja larĝo, vagona ŝarĝo, vaportramo, vaki pri ofico, veturilaro, ekpluata kompanio.

Bal, el Breda.

Ni konsilas preni kajeron kaj enskribi alfabete la fervojajn terminojn de nia gazeto.

## Nova administracio por komercaĵ-transporto.

De la 1-a de Julio ĉe la Holandaj fervojoj oni enkondukis novan administracion pli-malpli laŭ Germana modelo. Oni ne plu bezonas la kondukajn leterojn, kaj la registroj por foriro kaj alveno estas forigitaj. La stacia statistiko estas iom pli-grandigita, ĉar la kontrolo de l'enspezoj devas povi disponi de ĉiuj temoj por la ricevado de la kalkuloj.

La administracio estas por Holando tute nova, kaj tempo montros ĉu ĝi estas bona.

BAL, Breda Holando.

## PARIZA KONGRESO

Ĉie oni bone akceptis nin, ni promesas al vi, karaj amikoj, ke la venontan jaron en Parizo la franca fervoja komitato faros ĉion eblan por ke vi neniam forgesas nian akcepton. — Pliajn sciigojn ni konigas al vi baldaŭ. — Franca Kolegaro.


KOMBISTO POR GESINJOROJ

*Specialeco de Harkapornamoj*

**HECTOR LEDOUX, 12, rue St-Placide, Paris**

**Apud de magazenoj AU BON MARCHÉ**

*Grava avizo.* Ĉiu franca pariza ano vizitu la malavaran S-ron Ledoux. Tion rekomendas George Chilot, kiu ĉiumonate iros ĉe li por tranĉigi sian kapon, ne siajn harojn, sed ankaŭ por enkasigi la prezon de la anonco.

Hotelo rekomendinda al Esperantistoj.

**GRAND HOTEL DU GLOBE**

**71, rue Monge, Paris**


Centra Presejo Esperantista, V. Polgar, 33, rue Lacépède, Paris.

*Le gérant :* A. BERLANDE.